„Mutig vorwärts!“ **Aŭstria Esperantisto** „Kuraĝe antaŭen!“

# Aŭstria Esperantisto

## (Österreichischer Esperantist)

**Oficiala organo de Aŭstria Esperanto-Delegitaro kaj Esperanto-Delegitaro de Wien.**

**5a jaro. No. 2** **Monata** **Februaro 1928**

Redaktejo kaj administrejo: Korneuburg ĉe Wien, Postfach.

Konto bei der Postsparkasse D-123.826 u. 36.783 (Sparkasse Korneuburg).

Jarabono (komencebla ĉiumonate): Por aŭstrianoj aŭ. S4.80, germanlandanoj RM 3.25, alilandanoj sv. fr. 4.25; ponumere: por enlandanoj 45 aŭ. g., eksterl. 55 aŭ. g.

Nicht zeitgerechte Abbestellung unseres Organs verpflichtet zum Weiterbezug.

---

**Dr. Karl Buresch**, Landeshauptmann von Niederösterreich: „Die Weltverkehrssprache Esperanto ist dazu berufen, eine im Fremdenverkehr lange empfundene Lücke auszufüllen — Verständigung zwischen Angehörigen verschiedener Nationen.“

**Radio Königsberg Pr. — Welle 329·7.**

Eine große Zahl uns zugesandter Zuschriften aus allen Kreisen der Esperantisten Österreichs beweisen die Beliebtheit dieser Station, die den in der Radiokonferenz in Lausanne aufgestellten und den Radiostationen empfohlenen Forderungen in allen Punkten entspricht. Königsberg meldet sich täglich zwischen 19·55 und 20 h in Esp., bespricht Samstag (18·55 bis 19 h) das Wochenprogramm in Esp. und hält einen Esperantokurs jeden Sonntag (18·30 bis 19 h). Wir werden uns freuen, wenn wir unseren Lesern werden mitteilen können, daß dieses Programm noch ausgebaut werden wird.

**Rundfunk und Esperanto.**

Die statistische Stelle des „Intern. Radio-Bundes“ veröffentlicht die Zahl der Rundfunksender, die bis Mitte November 1927 Esperanto-Darbietungen gebracht haben.

Insgesamt haben 149 Sender in 32 Staaten in oder über Esperanto gesendet, und zwar: Asien (3 Staaten mit 10 Sendern), Australien (2 St., 10 S.), Amerika (5 St., 25 S.), Europa (22 St., 103 S.).

Radiostation Minsk sendet zweimal wöchentlich „Esperanto Radiozeitung“ (Montag 22 bis 22·30 h, Dienstag 17—17·50 h M. E. Z.) Täglich wird der Name der Station und die Wellenlänge vom Sprecher in Esperanto angesagt.

„Union Radjo EAJP“ in Bilbao (Spanien), Welle 440, sendet jeden Mittwoch 10 h 30 auch in Esp.

Pfarrer Ĉe sprach in Esperanto am 4. November von der Station Eskilstuna über „Wege zu internationaler Zusammenarbeit“, 16. November von Gävle über „Weltsprache und Weltfrieden“ und am 26. November von Sundsvall über „Rumänien“.

In der Radio-Station Shanghai (China) N. K. S., Welle 300, hielt Herr Cen Caŭ Jin am 3. Aug. einen einstündigen Vortrag in Esp. über „Radio und Esp.“. Jetzt läuft ein Esp.-Kurs.

Am 15 Dezember sprach von Radio-Praha Fräulein Julie Šupichova über den „Schöpfer des Esperanto“ in tschechischer Sprache.

*

Ein Japaner über Esperanto. Ein Frankfurter Kaufmann erhielt auf seine in englischer Sprache geschriebenen Briefe aus China und Japan Antworten in Esperanto. Der Japaner leitete sein Schreiben wie folgt ein: „. . . Ich beherrsche zwar die deutsche und englische Sprache wie meine Muttersprache, halte es aber für richtig, mich im intern. Verkehr des Esperanto zu bedienen, und bin der Ansicht, daß für Sie als Deutschen die Benutzung der englischen Sprache eine Herabwürdigung Ihres Nationalgefühles ist, oder empfinden Sie das nicht?“ — Der Japaner hat recht und stimmt mit der Ansicht der Esperantisten in der ganzen Welt überein:

„Für's eig'ne Land und Volk gebrauch'
die Muttersprache rein,
doch für den Weltverkehr laß
Esperanto dienlich sein!“

In Tallin (Lettland) fand am 28. und 29. Dezember der 1. Kongreß der Lehrer für fremde Sprachen statt. In die Kommission für den Unterricht der fremden Sprachen in den Schulen wurden drei Esperantolehrer gewählt.

Die „Zeitschrift des Medizinischen Institutes in Tokio“ bringt Esperanto-Artikel.

**Esp.-Gottesdienst in Wien:**

19. Feb., 10 Uhr, I., Minoritenkirche.
26. Feb., 3/4 10 Uhr, Kalasantiner, XV., Idagasse.

# Nia VIII-a en Baden.



„Kursalon“ en Baden — nia kongresdomo.

En ĉi tiu jaro la grupoj de Niederösterreich okazigos la VIII-an Aŭstrian E.-Kongreson en Baden dum Pentekosto.

Provisora programo: Dimanĉo: Festkunsido kaj laborkunsido en Baden en granda „Kursalon“, poste vizito de bordbanejo; lundo: Korneuburg, Kreuzenstein, Klosterneuburg, vizito de l' abatejo kaj vinkelo, fine bordbanejo. Detaloj en la marta-numero.

La Prepara Komitato konsistas el s-roj Pronaj — prez.; direktoro de burĝlernejo O. Wimmer — vicprez.; poŝtofic. B. Bittmann — ĝen.-sekr.; f-ino H. Stary — anstat.; prokuristo J. Dick — kas.; Ludw. Boldrino kaj s-ino P. Wimmer — anstat.; f-ino poŝtofic. E. Jaschke, s-roj poŝtofic. Kodera, L. Mahlberger, prof. Ludw. Ödendorfer, J. Oswald, R. Pötschner, R. Postl, W. Schefczik, F. Slavicek, R. Stärk, W. Stiebler, L. Trappel ĉiuj el Baden; instruisto F. Wandl el Hainfeld, poŝtofic.-ino M. Wimmer el Hinterbrühl, s-ro Schauer el Klosterneuburg, ĉefinspektoro Steiner el Korneuburg, s-ino Adele Heidinger el Krems. (La listo ne estas kompleta.)

Adreso de la Prepara Komitato: S-ro Nikolaus Pronay, Baden, Bahngasse 2. (Ne forgesu aldoni al demandleteroj respondmarkon!)

---

## XXa. Univers. Kongreso de E.

**Antverpeno 3.—11. aŭg. 1928.**

Multnombraj allogaĵoj altiros la samideanojn al ĉi tiu antikva urbo, kie jam nia VIIa okazis kaj bonege sukcesis.

Antverpeno estas la fama arturbo de Rubens, Van Dyck, Teniers, Breugel, Plantin ktp., kaj konservas en siaj muzeoj multnombrajn artaĵojn kaj memoraĵojn pri tiu fama flandra artepoko. Ĝi estis dum la mezepoko unu el la plej brilaj fokusoj de la renesanca kulturo kaj nun ĝi estas la plej granda kaj plej grava havenurbo de la kontinento.

Kun siaj belaj avenuoj, stratoj kaj placoj, brilegaj florĝardenoj, luksaj magazenoj kaj lumplenaj kafejoj, kun siaj artoplenaj preĝejoj kaj muzeoj Antverpeno, urbo kosmopolita, estas la plej alloga urbo de Belgujo.

## Do venu al Antverpeno, anoncu vin tuj!
## Loka Kongresa Komitato plej kore invitas vin!

**Provizora programo.**

2. aŭg. Intima kunveno por la jam alvenintaj.
3. 8. Vesp. Interkonatiĝa kunveno; iluminacio de l' ĝardeno kun koncerto. Balo.
4. 8. Solena malfermo de IVa Somera Universitato (prelegoj); hebreo diservo; koncerto; vespere en festsalonego de Zoologia Ĝardeno solena malfermo de la kongreso.
5. 8. Katolika kaj protestanta diservoj; kunveno en la Urba Parko; promenado tra la urbo kun kvar uniform-muzikistaroj; oficiala akcepto ĉe la urbestraro; subskribo en la Ora Libro de la urbo; koncerto; vesp. harmonia koncerto.
6. 8. Somera Universitato (prelegoj); fakaj kunsidoj; 1a laborkunsido kun temo: Radio; koncerto en la Flandra Operdomo.
7. 8. 2a laborkuns. kun temo: Universitatoj; malfermo de VIIa Int. E.-Blindulkongreso; teatra reprezentado en Franca Operdomo.
8. 8. Tuttaga ekskurso al Bruselo per specialaj vagonaroj (aparte pagota); vizito de la urbo; oficiala akcepto en la urbodomo; komuna tagmanĝo; vespere veturado al Mechelen por aŭskulti sonorilaran koncerton; oficiala akcepto; reveturo al Antverpeno.
9. 8. Prelegoj; fakaj kunsidoj; kunsido okaze de jubileo de U. E. A.; koncerto; vesp. eventuale Kongresa Festeno (aparte pagota) kun orgena koncerto.
10. 8. Prelegoj; fakaj kunsidoj; 3a laborkunsido; tgm.: Sonorilkoncerto (Katedralo); ptgm.: Ĝardenfesto kaj koncerto en la Parko; vesp.: Granda Int. Kostumbalo.
11. 8. Solena Ferma kunsido; koncerto; vesp.: Adiaŭa Balo.

**Adreso por leteroj:** 11. Kleine Hondstraat, Antverpeno.
**Kotizo:** Por ĉiu kongresano: 25 svisaj frankoj.

* * *

Estas organizataj **karavanoj** el diversaj landoj.

**Ankaŭ ni organizas tian** por kongresanoj el Aŭstrio, Jugoslavujo, Ĉeĥoslovakujo, Hungarujo, Romanujo ktp. Ni ricevos rabaton sur fervojoj tra Aŭstrio, Germanlando kaj Belgujo kaj per tio ni ebligos al la partoprenontoj la plej malmultekostan veturadon.

Provizora programo: Forveturo el Wien la 31. VII. vesp. per rapidtrajno, alveno je la deka atgm. en Nürnberg, vizito de la urbo; noktiĝo; forveturo la 2. VIII. al Köln, alveno je la 8a vesp.; kunveno kun la grupo en Köln; forveturo noktmeze al Antverpeno, alveno tie la 3. VIII. atgm. Dumvoje aliĝos samideanoj en diversaj urboj. El Köln eble kunveturado kun karavano el Berlin per aparta trajno.

Ni ankaŭ intencas kunigi kun la veturado la loĝigon en Nürnberg kaj en Antverpeno kun matenmanĝoj aŭ kun 3 manĝoj ĉiutagaj.

Kiuj sin anoncas al la kongreso, bonvolu tuj ankaŭ skribi al ni aldonante respondafrankon. Ni informos ilin tuj pri la detaloj kaj la proksimumaj kostoj, kiujn ni sciiĝos nur post kelkaj tagoj.

## E. en la bavara parlamento.

Peticio de la E.-karteloj München kaj Nürnberg, kiu post klarigaj vortoj enkondukaj esprimas la peton, ke „bavara parlamento volu decidi, ke la nedeviga E.-instruo estu enkondukata en ĉiuj mezlernejoj de Bavarujo, laŭ la montriĝinta bezono“ estas pridiskutita la 21. januaro en la parlamento en München.

Al la peticio estis aldonitaj favoraj atestoj (pri praktika valoro de E.) de gravaj komercaj firmoj: foiroficejoj de Frankfurt kaj Leipzig, lanteksejo Barth en Hof, radiofabriko Mende & Cie.-Dresden, Otto Klausner-Berlin, Heine & Cie. A. G.-Leipzig, parfumfabriko Bergmann-Waldheim, Sigurd-Gesellschaft en Cassel, kaj de fame konata sekr.-kons. d-ro Adolf Schmidt, direkt. de la met.-magn. Observatorio kaj prof. ĉe la Universitato en Berlin.

Kvankam la peticio ne estis akceptita, tamen la fakto, ke oni traktis E.-aferon en la parlamento, jam montras la gravecon de la E.-movado.

Jen traduko de la protokola ekstrakto pri la diskuto:

### Interkonsilado en la Budĝeta komitato de la Bavara Parlamento la 21. 1. 1928 en la kadro de la interkonsiladoj pri la budĝeto de Instrua kaj Kulta Ministerio.

Raportanto **d-ro Wohlmuth** (Bavara Popola Partio): Mi tute ne parolas

kontraŭ E. mem. Parolante kontraŭ la peticio, mi tion faras nur pro tio, ĉar ni ne povas respondeci, ke nuntempe okazu novaj elspezoj per la dungo de instruistoj. **Estus tre bele, se la babilona lingvokonfuzo estus forigebla,** se oni povus inventi ĝeneralan lingvon por la tuta homaro.

Deputito **d-ro Hoegner** (socialdemokrato): Ni devas rigardi la demandon de E. ne de la vidpunkto de l' valoro de la spirita kulturo, sed nur de tiu de laŭceleco. E. estas nur interkomprenilo, artefarita kaj helpa lingvo. Unu estas ĝusta: la preta mondlingvo estus la angla. Grandparte ĝi jam estas tio. Per la angla oni venas jam tra granda parto de la mondo. Sed tio ne estas ĝusta koncerne al niaj plej proksimaj najbaroj, la ĉeĥoj, hungaroj, Ruslando, Jugoslavujo. Pro tio **Esperanto,** kiu estas jam multe enradikiĝinta en la eksterlando ol ĉe ni, **sendube havas potencan signifon.** Almenaŭ ĝi havas tiun preferaĵon, ke ĝi estas ekstreme facile lernebla. E. estas „mallonglingvo" same kiel stenografio „mallongskribo". En la tre instrua aldono al la peticio interalie estas almontrate, ke E. estas aplikata ankaŭ ĉe Intern. Labora Oficejo. Tio certe pruvas, ke E. estas praktike aplikebla senkonsidere al la nacia sintenado de la unuopaj landoj. — Finfine la peticio ja ne postulas la ĝeneralan enkondukon kiel nedeviga fako, sed nur „laŭ la montriĝinta bezono". La bezono montriĝos en la provinco malpli ol en la grandurboj. Sed **tiom kiom ekzistas tia bezono, oni devus doni la eblecon, lerni E.-on ĉe la pli altaj lernejoj.** Niaj mezlernejoj sendube taŭgas por tio. — Mi atentigas ankoraŭ nur pri du vidpunktoj: E. estas helplingvo kaj praktike aplikata en multaj kongresoj.

Deputito **d-ro Buttmann** (nacisocialisto): E. estas nenio krom lingvo kunflikita el modernaj, precipe romanaj lingvoj kun malgrandkvanta almikso de germanaj radikoj. Ĝi ja estas ankaŭ inventita de judo kaj estas konate, ke al judoj la germana kulturo de ĉiam estis „dorno en okulo". Kion hodiaŭ lernas la lernantoj en la gimnazioj, tio senpere preparas al la kompreno de tiu ĉi tiel nomita helplingvo. — Mi atentigas pri la nacia danĝereto de tiu ĉi lingvo. La germana lingvo estas la trafika lingvo ĝuste en tiuj landoj, kiujn citis kolego d-ro Hoegner. Se ni enkondukus E.-on, ni detruus ĝuste la germanan kulturinfluon en tiuj ĉi landoj. E. estas pioniro por la romanizo kaj servas precipe al tio, forŝovi la germanan kiel mondlingvon. — Krom tio E. malbonigas la lingvan senton de la junularo. La internacia signifo de E. estas nur malgranda, tiom pli granda estas la pedagogia danĝero, se ni konsiderus la peticion.

Deputito **d-ro Bauer** (germannacia): E. estas pure mekanika, senanima formaĵo, ne lingvo sed interkomprenilo. Mi volas, ke miaj lernantoj estu gardataj kontraŭ ĝi. Ili unue lernu ĝuste la germanan lingvon.

Deputito **prof. Mager** (komunisto): E. volas esti nenio alia ol **rimedo por la simpligo de l' trafiko.** Kiu volas esti instruata lingve-literature, tiu ĉiam devos lerni lingvon. Niaj interkonsiladoj ne povas temi pri tio, demandi ĉu E. estas filologie io bela. **Nin interesas je ĝi nur la praktika kaj ekonomia flanko.** Oni devas pensi pri tio, ke E. venkis Idon, kvankam ĉilasta sonas pli bele. Kial? Ĉar ĝi ja estas pli laŭcela kaj por multaj popoloj pli facile lernebla. Kiu jam pli ofte havis aferojn kun eksterlando kaj partoprenis internaciajn kongresojn, tiu konfirmos, kio estis dirita en la peticio koncerne la malfacilecon de la interkompreniĝo en tiaj kunvenoj. — Praktike E. jam estas aplikata ĉi tie en München. Tiel antaŭ nelonge mi legis en la polica direkcio sur la pordo de kontoro por pasportoj la surskribon en E.

**Kultministro Goldenberger:** Mi konsentas malkaŝe, ke E. pruviĝis multe pli taŭga ol Volapük. Sed ankaŭ E. ne restis venkinto en la plua evoluo;

ankaŭ jen **ekestis jam skismo**, tiel ke ni havas ankaŭ Idon kiel konkuranton. Mi opinias, ke por la aplikado de tiu ĉi lingvo ĉe publikaj lernejoj la tempo ankoraŭ ne estas veninta. Oni devas unue atendi, ĝis la disputo de la opinioj estos sufiĉe klarigita. Mi opinias nebone enkonduki ankoraŭ plian nedevigan fakon ĉe la mezlernejoj. Mi petas ne plu pritrakti tiun ĉi aferon.

La peticio estis transdonata kiel materialo al la registaro.

(Laŭ „Heroldo".)

## Esp.-Instruado en lernejoj.

Danzig, la 10. nov. 1927.

W II b 9—7.

Sekve de tiucela peticio de Danciga Esperanto-Asocio ni konsentas pri la organizo de ne-devigaj Esperanto-kursoj en la supera ŝtupo (6—8 lernjaro) de la Elementaj Lernejoj, se ekzistas taŭgaj instruistoj kaj instruistinoj por tio. La laŭplana instruado ne devas esti malhelpata per tiuj kursoj. La Esperantolecionoj devas okazi ekster la tempo de la instrua horaro. La kostojn devas porti la kurspartoprenantoj mem.

Peticioj pri permeso devas esti adresataj al la kompetentaj distriktaj instrukonsilantoj, kiujn ni rajtigas memstare decidi pri tio.

La Senato
Sekcio por scienco, arto kaj popolklerigado.

Ĉi tiun dekreton publikigis „Oficiala Lerneja Informilo de l' Elementaj Lernejoj de la Libera Urbo de Danzig" n-ro 6 de 1. 12. 1927.

(Laŭ „Heroldo".)

**Esperanto en la burĝlernejoj en Wien.**

Funkcias 21 kursoj kun 605 gelernantoj. Urba Lerneja Konsilantaro elspezis por aĉetado de la lernolibroj 7200 Ŝ. kaj por necesaj kajeroj 1200 Ŝ.

## Novaj enketoj kaj eksperimentoj pri la mondhelplingvaj sistemoj.

La eksperimentoj fariĝas sur la bazo de kunlaborado inter 1. „IALA" en New York kaj 2. „Instituto Jean Jacques Rousseau" en Genève.

**IALA** estas la nomo por Amerika Asocio por Internacia Helplingvo (International Auxiliary Language Association in the United States, Incorporated). Ĝi estas fondita 1924 en New York kaj tute neŭtrala asocio, havanta kiel celon la enkondukon de unu helplingvo, kiu estu instruota al la lernantaro en ĉiuj landoj kiel taŭga rimedo por komuna interŝanĝo de pensoj inter personoj de malsamaj gepatraj lingvoj. Tiu celo postulas neŭtralan kaj objektivan esploron de la tuta mondhelplingva situacio.

Tial la laboroj de IALA etendiĝas sur du ĉefaj kampoj: 1. interesigi grandajn rondojn por la helplingva movado; 2. fari esplorojn sur a) sociologia, b) lingva, c) pedagogia kaj eduka kampoj.

Pri la lasta IALA kunlaboras kun **Instituto** J. J. Rousseau en Genève. Ĉi tiu instituto, altlernejo pri pedagogia kaj edukaj sciencoj, kunlaboranta kun la universitato de Genève, speciale interesiĝas pri infanpsikologio kaj pri eksperimenta pedagogio. Tial ankaŭ pri enkonduko de Esperanto en la lernejoj. Serio da konsultoj jam okazis en Genève kaj en New York dum 1925/26 inter profesoro P. Bovet, direktoro de l' Instituto, kaj reprezentantoj de IALA kaj reprezentantoj de la Instituto de eduka esploro ĉe la „Institute of Educational Research, Teachers College, Columbia University".

Dum ĉi tiu kunlaborado oni akceptis programon, laŭ kiu oni celas 1. mezuri la progresojn dum lernado de iu helplingvo en lernejaj kursoj, kies instruistoj deziras serioze kunlabori, 2. prepari diversspecajn „testojn" (A.L. testoj-Auxiliary Language testoj) kaj eksperimentadi sur la bazo de tiuj testoj kun la helpo de instruistoj, kiuj deziras kunlabori.

IALA kaj la Instituto J. J. Rousseau pro siaj celoj **bezonas la kunlaboradon** de reprezentantoj de la diversaj mondhelplingvaj sistemoj kaj esperas, ke ili subtenos energie.

## Ni kunlaboru!

En la supra artikolo ni atentigas, ke IALA, same kiel Instituto J. J. Rousseau, bezonas la kunlaboradon de reprezentantoj de la diversaj mondhelplingvaj sistemoj. Ekzistas nenia kaŭzo, ke ni esperantistoj rifuzu ĝin. Tute male! Ni ĝoju pri la fakto, ke du tiom gravaj institucioj neŭtrale kaj objektive volas esplori la mondhelplingvan situacion, donante tiamaniere al ni la eblon, montri sur la vojo de enketoj kaj eksperimentoj, kaj precipe de testeksperimentoj, la ĝeneralan taŭgecon de nia lingvo kaj precipe ĝian pedagogian kaj edukan valoron.

Multaj el nia rondo persone konas sinjorinon Alice V. Morris, kiu tiel simpatie reprezentis IALA-n dum niaj lastaj internaciaj kongresoj, kaj ili scias, kiel favora ŝi estas al nia movado. Multaj ankaŭ konas profesoron Bovet, kiu depost Pedagogia Konferenco en Genève (1922 aranĝita de la Ĝen. Sekr. de L. de N.) ĉiam tre bone sukcesigis nian aferon. Do, demandite, ĉu la E.-Instituto por la Germana Respubliko volos kunlabori, por havigi al ĉi tiuj institucioj la necesan materialon, mi tre volonte konsentis kaj promesis fari ĉion por tia kunlaborado, ĉar mi havas la nepran konvinkon, ke el ĝi ankaŭ rezultiĝos multaj profitoj kaj sukcesoj por la E.-movado.

Mi baldaŭ al la instruistoj, kiuj aliĝis al nia movado, pli detale kaj regule raportos pri la laboro farenda. Mi turnas min al ili, precipe al tiuj, kiuj jam instruis E.-on en lernejoj. Tial mi unue petas ĉiujn asociojn, grupojn k. t. p., ke ili sendu al mi kiel eble plej multajn adresojn de instruistoj ĉiuspecaj, kiuj jam estas esp.-istoj aŭ montras intereson por niaj lingvo kaj movado.

Mi esperas, povi interalie per mia laboro doni al nia movado la ofte deziritan statistikon pri instruistoj kaj lernejoj.

E.-Instituto por la Germ. Resp.
D-ro Dietterle, Leipzig, Seumestr. 10.

## Grava alvoko.

„Supra-Aŭstria E.-Societo“ sukcesis, ke la landa lernejinspektoro permesis enkonduki E.-on en unu lernejon en Linz. Anoncis sin prksm. 150 knabinoj, el kiuj 72 estas allasitaj al kursoj, kiuj nun funkcias.

Por atingi nian fincelon, la enkondukon de E. en ĉiujn lernejojn de nia lando, ni petas, ke ĉiuj societoj, UEA.-delegitoj kaj lernejdirektoroj en la urboj kaj landoj, kie E. estas instruata en la lernejoj, **sendu al ni raportojn** pri la tiea aferstato, por ke ni povu uzi ilin kiel argumentoj por la entreprenotaj paŝoj ĉikoncernaj.

La landa lernej-estraro estas favora al E. kaj bona kaj sufiĉe granda materialo certe konvinkos pri la neceso de ĝia enkonduko.

Tial helpu kaj agu tuj!

Supra-Aŭstria E.-Societo, Linz, Aŭstrio.
Gasthof „zum Stadtgut“, Volksgartenstr.
Meisleder, landestro.

## Radio-stacio Kraków.

Ni tre miras, ke inter la stacioj, kiuj disaŭdigas Esp.-on, ankoraŭ mankas la stacio Kraków! Ni despli miras, ĉar en ĉi tiu urbo okazis belega VIII. Esp. Mondkongreso en 1912 kaj vivas multaj eminentaj esp.-istoj, kiuj bonege gvidus E.-kurson. Ni esperu kaj ne miru, kiam ni baldaŭege aŭdos E.-vortojn el la stacio „Polskie Radio“, Kraków, Basztowa 9.

### Mondoteatro.

Ni jam raportis pri la projektata esperantlingva prezentado dum la mondo-teatra festo, kiu okazos dum somero 1928 en Paris.

„La Movado“ nun publikigis, ke oni sciigu al s-ro Archdeacon la nomojn de esp.-istaj aŭ esp.-emaj aktoroj.

Ni nomis s-rojn Wawra kaj Zeska de „Burgtheater“.

**Wien-a Foiro** okazos de l' 11. ĝis 18. marto 1928. Ni esperu, ke ĝi la venontan fojon denove eldonos varbilojn en E.

**Budapesta Int. Foiro** (28./4.—7./5.) eldonis kalendareton kun indiko de monatoj kaj tagoj kaj aron da diversaj aliaj belaj propagandiloj en E. Adreso: B. N. V., Budapest, V., Alkotmany-utcza 8.

**Internacia Foiro** de Lyon invitas per belega, luksa, ilustrita libreto al vizito la unuan lundon de marto.

## 10-jara jubileo de Oktobra Revolucio.

Diversaj proletariaj organizoj ricevis la honoran rajton, inviti gastojn al la solena festado pro la datreveno de Oktobra Revolucio.

La invito de Sovetrespublikara Esp.-Unio ĉeestis 23 esp.-istoj el 12 landoj. (El Aŭstrio s-ano Martin Klein.)

(„Heroldo".)

## Esperanto-Akademio.

La prezidanto de Esp.-Akademio petas la redaktorojn de E.-gazetoj pri publikigo de la sekvanta oficiala komuniko:

Parizo, la 18-an de jan. 1928.

Kara sinjoro Redaktoro!

D-ro Privat parolas en la januara numero de „Esperanto" pri „eminentuloj", kiuj ian tagon povus perfidi. Ĉu eble? Mi tre dubas. Se vere, mi povas certigi, ke inter la eminentaj perfidontoj(?) troviĝas neniu Akademiano. Ĉiuj estas kaj restos fidelaj: ankaŭ, kiam post multaj, multaj jaroj — kiujn apenaŭ kelkaj verŝajne ĝisvivos — la Registaroj oficialigos E.-on; ili tiam fidele sekvos la vojon montritan de D-ro Zamenhof en la Washington-a Kongreso; ili opinias kiel li, ke, se „**tiam registare starigota komitato . . . traktos sian taskon serioze . . . la postkomitata E. restos tute la sama lingvo. kiel la E. antaŭkomitata**" kaj ke „**nur eble kelkaj nunaj formoj fariĝos arĥaismoj . . . neniel rompante la kontinuecon de la lingvo kaj neniel ruinigante la valoron de tio, kion ni ĝis nun akiris**".

Ni ne ŝanceliĝis hieraŭ, ne ŝanceliĝas hodiaŭ, ne ŝanceliĝos morgaŭ. Firme kaj tute trankvile ni daŭrigu nian poresperantan laboron!

Kun kora saluto

Th. Cart, Prezidanto de Lingva Komitato.

**Lingva Komitato.**

Per la morto de nia ŝatata Schröder vakiĝis unu posteno en Lingva Komitato. AED. tuj proponis unuavice kolonelon Zwach kaj direkt. Schamanek.

## La 14-a de aprilo Tago de Originala Esperanto-Literaturo.

La aranĝita antaŭ nelonge Unua Festo de la E.-libro certe estis grava sukceso. Ĉiajn statistikajn ciferojn montru al ni ĝia iniciatinto — Julio Baghy. Sed eĉ, se tiuj ciferoj ne tute kontentigus nin en komparo kun la ĝenerala nombro de la tutmondaj samideanoj — ni tamen rajtas diri, ke ĉie, kie la festo estis aranĝita laŭplane kaj ĝustatempe — ĝi havis tre kontentigan sukceson. En tiu sukceso estu al ni pli da rekompenco ol en la relativa cifera materialo.

Kontentaj estas laŭplane agintaj societoj, libroeldonejoj kaj — vendejoj. Bona komenco estis farata kaj ni daŭrigu persiste, kulturi kaj propagandi la ideon de nia ŝatata poeto.

Sed aĉeti almenaŭ unu libron unufoje jare, kio povus fariĝi sola kaj escepta bona kutimo de certa speco de niaj samideanoj, kaj poste ekdormi sur la laŭroj — vere ne estas tro multe.

„International Language" prave rimarkigas pri la britaj samideanoj, ke oni devus propagandi, ke ĉiu samideano aĉetu almenaŭ unu libron ĉiumonate. Nur tia aĉetado senteble prosperigus nian literaturon.

Tamen — por tia organiziteco ni bezonus multajn longajn jarojn de plej persista propagando, kiun ni certe ne povas havi nun, kaj tial ni kontentiĝu per iu pli reala.

Mi alvokas la tutmondajn samideanojn havi tiun Feston ne unufoje, sed dufoje ĉiujare: 15. decembro kaj 14. aprilo, la datojn komencan kaj finan de l' vivo de nia majstro. Tiuj datoj eĉ koincidas kun diversaj sezonaj aŭ religiaj festoj ĉe multaj kulturaj popoloj.

Ĉio, kio ne estas tradukita en nian lingvon el iu alia, sed verkita rekte en ĝi, havu rajton esti proponata kaj vendata en tiu tago. Aperu specialaj listoj de la originalaj verkoj en E.

Ni havu nian propran, bonan valoran literaturon kaj pro ĝi fariĝu grav-

ega unika tutmonda faktoro, kiu ne nur peras, sed ankaŭ kreas kaj klerigas laŭ sia propra universala vidpunkto.

Sed **nur subtenante** niajn originalverkistojn **ni rajtas postuli** de ili, ke ili verku interese, bonstile kaj moderne. Nur tiam ni pretendu, havi verajn laborantojn de la literatura plumo, kiuj altigas nian lingvon kaj kulturas ĝian stilon pli ol iuj teoriaj lingvistoj.

Dufoje dum jaro doni sian obolon — ne estas multe. Sed por nia originala E.-literaturo tio signifus preskaŭ ĝian renaskiĝon. N. Hohlov.

**Germana Esperanto-Ligo** en Berlin publikigis en la januara numero de Germana Esperantisto „Stato de la E.-movado en la mondo je fino de l' jaro 1927", havebla kiel aparta presaĵo (10 pecoj po 90 pf.). Bedaŭrinde mankas en ĝi gravaj sukcesoj el nia aŭstria movado. Ni rekomendas al la legantoj de „G. E." trarigardi la artikolon „Kiel statas E. en Aŭstrio" de W. Smital en nia numero 5 el 1927.

**Multaj kongresoj** okazos 1928 en Wien. Dimanĉe, la 5. febr., la ĉiutagaj ĵurnaloj publikigis la liston. En ĝi troviĝis nia VIII. Aŭstria E.-Kongreso. Dankon al direktoro Kronfeld de Verkehrskommission, kiu igis la publikigon.

**Novaj gazetoj.**

**„Hispana Esperanto".** il., ĉiumonata, aldono al „Hispana Esp.-Biblioteko", senpaga por ĝiaj abonantoj. Adr.: Julio Mangada Rosenörn, Glorieta de Bilbao 5, Madrid.

**Nova grupo en Danzig.**

Dua E.-grupo fondiĝis en Danzig, la urbo de nia XIXa. F-ino Schulz — prez., s-ro Pain, f-ino Stechern, — sekr. Wachholz -- kas. instr.

Aliĝu tuj al via loka E.-grupo; kie ne ekzistas tia, al tiu en najbara loko; abonu kaj abonigu „Aŭstria Esperantisto". Vi subtenos per tio la movadojn landan kaj internacian!

**Krome** aliĝu al Universala Esp.-Asocio, kiu celas „krei intern. servojn kaj kreskigi inter siaj membroj fortikan ligilon de solidareco ktp." kaj efektivigas tion „per kreo de forta centra organizo, regula eldono de monata gazeto tre interesa kaj de jarlibro, starigo de praktikaj servoj ktp". Teril. sekr. estas E. G. Bernfeld, Wien, II., Czerninplatz 5.

## Prof. d-ro Odo Bujwid,

iama rektoro de la Jagellona Universitato en Kraków fariĝis 70jara. Niajn sincerajn bondezirojn al nia malnova tiom vigla pioniro.

**Honorigo.**

E.-Unuiĝo Korneuburg, fondita en 1914 de s-ro Steiner, en sia nunjara ĝeneralkunveno elektis unuanime la 15. fojon s-ron Steiner prezidanto de la unuiĝo.

Samtempe la membroj unuanime decidis, danki al prez. Steiner pro lia senlaca laboro por Esperanto per eknomo „unua honormembro" de la unuiĝo.

Por E.-Unuiĝo Korneuburg:
Reg.-kons., lern.-insp. Schatzl, vicprez.,
komun.-ofic. Specht, sekr.

En Reykjavik (Islando) fondiĝis E.-grupo.

## Johann Schröder

unu el la plej eminentaj pioniroj de nia movado en Aŭstrio mortis, 59 jara, la 13. januaro. Li estis la iniciatinto de la E.-movado en Wien, fariĝis post fondo de „E.-Klubo Wien" (1902) ties prezidanto, poste honora prez. de „Unua E.-Unuiĝo en Wien" kaj prez. de la antaŭmilita „Ligo de germanlingvaj esp.-istoj en Aŭstrio".

Schröder troviĝis inter la kongresanoj jam en Boulogne (1905), kie li estis proponita kaj poste elektita ano de Lingva Komitato, al kiu li apartenis ĝis lia morto. En la katolika E.-movado li ludis gravan rolon. Estante redaktoro de ĉiutaga ĵurnalo „Neuigkeits-Weltblatt" li propagandis en ĝi per regulaj raportoj kaj artikoloj, sed samtempe ankaŭ per publikaj paroladoj. Dum multaj jaroj li ankaŭ estis redaktanto de „Informaj raportoj" poste „Germanaŭstria Esperantisto" kaj de „Espero Katolika", en kiuj aperis de li tre bonstilaj artikoloj kaj tradukaĵoj. Schröder gvidis multajn kursojn, verkis bonegan metodan lernolibron kun aldonita vortaro kaj eldonis la tradukon de la drama verko de Schnitzler „La verda kakatuo". Li estis ankaŭ prezidanto de LKK. de la XVI-a kaj membro de la Ŝtata Ekzamenkomisiono por E.

Baldaŭ post la XVI-a lia malsanstato devigis lin, forlasi nian labor-

kampon kaj en la lastaj monatoj eĉ sian profesian okupon. La esp.-istaro ne nur en Aŭstrio sed multaj ankaŭ en la eksterlando funebras pro la perdo de tiu bonkora, purkaraktera kaj altŝatinda viro.

La entombigo okazis la 16. januaro, kiun ĉeestis multaj samideanoj. Ĉe la tombo parolis prof. d-ro Jokl en la nomo de la Ŝtata Ekzamenkomisiono por E., ĉefinspektoro Steiner nome de la aŭstria esp.-istaro, s-ro Chiba de la Katolika Ligo kaj majoro Sinner de Unua E.-Unuiĝo, kiu lasta metis florgirlandon sur la ĉerkon de la meritplena mortinto.

Li ripozu en paco!

## Otto Flatauer,

eminenta akcelinto de E., mortis en Berlin la 4 an jan. sekve de gripo — 49 jara.

Celkonscie kaj persiste laboranta pioniro, unike kapabla pedagogie, en li perdiĝis por nia afero.

Precipe pro tri agoj gravaj tiu perdo estu konigata al nia sam-aro.

Direktoro kaj posedanto de du multe frekventataj privatlernejoj komercaj Flatauer enkondukis E.-on kiel laŭplanan fakon. Tiel ĉiujare prksm. 100 gejunuloj lernis ĝin.

Depost sept. 1924 li publikigis preskaŭ ĉiusemajne E.-poemon krom multaj lerte verkitaj artikoloj en granda kaj grava ĵurnalo „Berliner Tageblatt" kaj ankaŭ multe helpis la eldonejon R. Mosse al ĝia konata grandstila okupo pri E.

La lastan propag.-entreprenon li bedaŭrinde ne plu povis fintrakti: Enkonduko de prezentaĵoj en E. ĉe la Mondoteatro, iniciita de germano Rickelt kaj franco Gémier.

Mi persone treege bedaŭras la elmondiĝon de ĉi tiu modela homo, kiun mi en Danzig ne nur povis admiri kiel senekzemplan E.-laboranton, sed ankaŭ ekŝati kiel eksterordinare agrablan, gajan societkunulon.

Al lia familio kaj al la germana esp.-istaro sinceran kondolencon. Steiner.

---

**„Tra Aŭstrio."** Ni aldonas gvidfolion „Tra Aŭstrio", eld. de Ministerio por Komerco kaj Trafiko.

Ni estu dankemaj al s-roj min.-kons. d-ro tekn. Friedrich Steiner kaj sekcia kons. Deinlein (Oficejo por Fremdultrafiko en la Ministerio), kiuj volonte sekvis la iniciaton de nia AED.-prezidanto Steiner kaj presigis senpage 20.000 ekzemplerojn en Esperanto.

Prez. Steiner dissendigis la gvidfoliojn en la tutan mondon.



## Ŝtata ekzameno.

La ekzamenoj komenciĝos la 10. aprilo je la 8. per la skribaj en la domo de „Liglanda faklernejo p. instruistinoj", Wien, I., Hegelg. 14. La dato de la praktika kaj buŝa ekzamenoj estos sciigataj al la ekzamenaspirantoj persone.

La petskriboj je partoprenpermeso al la ekzamenoj kun aldonoj laŭ § 4 de la ekz.-regularo kaj stampo (1 Ŝ.) estu prezentataj ĝis plej malfrue 24. marto al la direkcio de la komisiono, Wien, I., Burgring 9 (Stadtschulrat), ĉambro 53.

La ekz.-kostoj (20 resp. 10 Ŝ.) estas pagotaj antaŭ komenco de la skriba ekz.

Listo de la por la ekzameno rekomenditaj verkoj kune kun la ekz.-regularo kaj preciza informo pri la ekz.-postuloj estas riceveblaj de la ekz.-komisiono (Ŝ. 1·70).

**AED.-estrarkunsidoj** okazis 28. I. kaj 8. II. Oni post raporto pri la malbona stato de Aŭstria Esperantisto decidis, peti la grupojn, ke ili instigu ĉiujn membrojn al abono, por ke la gazeto **ne malaperu**. Ni bezonas ĝin urĝe por nia movado. Pro tio ĉiu celkonscia esp.-isto ankaŭ, se li ne ĝis nun faris tion, abonos A. E. Ĝen.-sekr. Bernfeld rezignis je sia indo pro tio, ĉar li nun ankaŭ estas teritoria sekretario de UEA. Ĝen.-sekr. estas nun s-ro Werner kaj s-ro Bernfeld dua sekretario. — Propono de s-ro Jungschaffer-Ried pri fondo de „Labor komuno de instruistoj — esp.-istoj por Aŭstrio" (ne unuiĝo; sen kotizo; deviga abono de AE., kiu raportu pri la E.-aferoj) estas trans-

donita al la refer. p. lern.-aferoj dir. Feder por priparolo en „Laborkomuno de instr. por Wien“. S-ro Feder referis tie kaj oni decidis, ke unue ili aŭdu la opinion kaj proponojn de la instruistoj, kiuj afable skribu al „Arb. Gem. d. Esp.-Lehrer“, Wien, IV., Schäfferg. 3.

En **EDW.-kunsido** la 4. II. post diversaj raportoj s-ino Pibus iniciatis okaze de l' mortotago de nia Majstro kunveni ĉe la memortabulo ĉe Hotel Hammerand. S-ro Ĉech referis pri AE. kaj insiste pledis por subteno de nia gazeto per abono, abonigo kaj anoncvarbado.

**Nova grupo.**

En Baden, nia nunjara kongresurbo, fondiĝis el la kursanoj de s-ro Steiner nova grupo la 11. febr. 1928.

Elektoj: Ges-roj Pronay-prez., dir. Wimmer-vicprez.; R. Bittmann, Helene Stary-sekr., J. Dick, L. Boldrino-kas.; Elvira Jaschke, R. Stärk-reviz.; prof. Ödendorfer, poŝtofic. Kodera-konsulantoj.

La grupo, al kiu aliĝis 19 anoj, decidis aliĝi al A. E. D. kaj **devige** aboni A. E.

La ĉeestanta prez. de A. E. D. Steiner salutis la novan grupon kiel ano de A. E. D. kaj esprimis sian ĝojon pri la vigla laboro.

En **Teknika Altlernejo — Wien** estas fondota grupo.

**Devigan abonon** de AE. decidis ĝis nun Loka Grupo Graz kaj la grupoj Baden kaj Korneuburg. S-ano Dittrich varbis tuj post AED.-kunsido 4 membrojn en sia malgranda rondo. En „Danubio“ prez. Ĉech treege rekomendis al ĉiuj membroj la abonon kaj s-ro Dittrich transprenis la taskon, sukcesplene aranĝi ilian abonigon. S-ro A. Klein ankaŭ forte varbas. S-ro Smital enkondukis ĝin en sia kurso en Strebersdorf. Imitu la aliaj grupoj kaj unuopuloj!

**Graz:** Atentu! E.-Soc. p. Stirio, loka grupo Graz decidis ankaŭ por 1928 devigan abonon. La societa kotizo estas Ŝ. 6; kiu pagis ĉi tiun, ricevos A. E. senpage. — E. Verein f. Stmk., Grupe Graz. Mitglieder bezahlt sofort Eueren Jahresbeitrag von S 6; Ihr erhaltet dadurch den „Aŭstria Esperantisto“ unentgeltlich! Kunvenoj kiel ĝis nun ĉiuĵaŭde je la 20 h.

**Korneuburg:** En la ĝen.-kunveno la 12. I. estas elektitaj: prez.-ĉefinspekt. Steiner, vicprez.-distr.-lernejinspekt. reg.-kons. Schatzl, sekr.-komun. ofic. Specht kaj instr.-ino Müllner, kas.-s-ro Luegmayer, bibliot.-s-roj Scheidl kaj Einfeldt, gazetservo-s-ro Wiedermann, reviz.-d-ro Altrichter kaj kand. tekn. Steiner juna.

**Leoben:** La penadoj de poŝta insp. Puntigam pro revivigo de la grupo plene sukcesis. La 11. januaro okazis kunveno, kiun partoprenis s-ro Rogler, sekr. de E.-Soc. p. Stirio, dum kiu preskaŭ ĉiuj kursanoj decidis aliĝi al la loka grupo de E.-Soc. p. St. Jarkotizo Ŝ 4. — Esp.-istoj en Supra Stirio aliĝu al la grupo Leoben, por ke ĝi denove fariĝu pionira en tiu ĉi regiono. Specialan dankon meritas s-roj Puntigam, Krainz kaj Fassmann.

**Mürzzuschlag:** Distrikta lernejinspektoro Storm fondis laborkomunon kun 15 partoprenantoj, en kiu li instruas nian lingvon.

**Sigmundsherberg:** D-ro Leo Scheuer, ĝis nun izola esp.-isto, per vigla varbado sukcesis interesigi 60 pers. al kurso, kiun li nun gvidas.

**Wien: „Polica E.-Unuiĝo“** havis la 20. I. sian ĝen.-kunvenon. Prez. Hirz en sia parolado raportis pri la sukcesoj en la pasinta jaro (Aŭstria E.-kongreso, kiun ĉeestis la ŝatata prez. Schober, enkonduko de la novaj ŝildetoj kun la verda stelo kaj aranĝo de 3 oficialaj kursoj en la lerneja taĉmento, gvidataj de s-ro Steiner). Estas elektita: Bez. Insp. Hirz-prez., Rev.-Insp. Gaidosch-anstataŭanto, Rev.-Insp. Raffelseder-sekr., Rev.-Insp. Mitterhofer-kas. kaj Ray-Insp. Klement-kontr. — **„Danubio“:** Aranĝoj okazintaj dum januaro: „Gaja fabelvespero“ (prelegis s-ino H. Wipplinger), „Hungara kulturvespero“ (100 lumbildoj kun klariga teksto de s-ro A. Klein; „Csárdás“ dancita de f-ino Mantel, fortepiane akompanita de f-ino Schicketanz; laŭtlegado de d-ro Sós; deklamoj de s-ro Brunner kaj f-ino Gelbmann; kantoj kun gitarakompano de f-ino Kremann); „Kio malhelpas la disvastiĝadon de E.?“ (Parolado de s-ro F. J. Schade). La 30. I. okazis la ĝen.-kunveno. Nova estraro: Prez.-s-ro Ĉech; vicprez.-dro Klečka, F. Wipplinger; sekr.-Vasta, Klein; kas.-s-ino Wipplinger, f-ino Metzger; bibl.-f-ino Kohn, Karl Postl; reviz.-Popper, Deistler; kons.-Dittrich, Feder, d-ro Jokl, s-ino Kohn, d-ro Pfeffer, F. J. Schade, f-ino Stowasser, Weiniger. — La 6. II. estis parolado pri „Japanujo“, la 13. II. prelego de d-ro Sós „Heroo aŭ Sanktulo“ (de Coudenhove-Kalergi). La 20. II. estos lumbildprelego pri „Maks kaj Moric“ de Busch, trad. de kol. Zwach kaj la 27. II. parolado de ĉefinsp. Steiner pri la temo „Kio mankas al ni!“ — **„Katolika Unuiĝo E.-a“** elektis en sia ĝen. kunv. jenan estraron: S-ro Prioro P. Wolfg. Nedwid-prez.; s-ro Chiba, s-ino Kubin, s-ro Schiebl-vicprez.; f-inoj Tomanek kaj Mildschuh-sekr.; s-ro Linser, f-ino Winkelhofer-kas, konsuloj por I.K.U.E.: S-roj Deistler kaj Chiba.

En Popolkleriga Asocio **„Apolloneum“** kurso por komenc.

**Katolika Kleriga Societo en Wien** instalis po E.-kurson por komenc. kaj progres.

En **„Nova Wien-a Komerca Akademio“** prof. O. Simon gvidas kurson.

E.-rondo **„Verda Angulo“** kunvenas en gastejo Opfermann, Wien, XVI., Ottakringerstr. 196, ĉiumerkrede 19—22 h.

E.-rondo **„Kulturo“** renkontiĝas ĉiumarde en kafejo Hentsch, Wien, XVIII., Währingerstr. 118, je la 19 h.

**Leterkesto:**

**J. F. en O.** 1. Vi iniciatas fondon de E.-biblioteko en Wien, kiu pruntus librojn al samideanoj ekster Wien. Ni priparolos la aferon kun unuiĝo en Wien, kiu havas grandan bibl. Ĉiuj intersataj skribu al ni kaj aldonu

respondmarkon. 2. Statistiko pri Aŭstrio estas farata. Por finfari ĝin, sendu ĉiu, kiel ofte dirite, la adresojn de al li konataj esp.-istoj al ni. Ni transdonos ilin al la statistikestro de AED. kiu senpacience atendas ilin. 3. Pri E.-jaro ni opinias, prokrasti vian ideon.

**Lasta templimo — fino de februaro!**

Ĉis tiam vi devas aliĝi al B.E.S.-adresaro (7. eldono)! AE. peras la aliĝon! Sendu tuj al ni la enskribotan tekston kune kun la kotizo (35 gr. po du linioj, 35 gr. por abonpago de la 7. eldono kaj 20 gr. poŝtelspezoj).

Granda avantaĝo al kolektantoj kaj korespondantoj! Kelkcent adresoj el diversaj landoj!

## Rekomendindaj firmoj.

Bäckerei = bakejo: **Korneuburg.**
Karl Luegmayer (E), Albrechtstraße 3.
Gemischtwaren = Diversaĵoj:
Alois Cisař, Bisambergstr. 21.

## Kie oni renkontas E.-istojn?

**Graz.**

Esp.-Verein für Steiermark, Geschäftsstelle (oficejo) Radetzkystr. 6/III, Vereinsheim (kunv.) „Pastete“, Sporg. 28, Do (j) 20—23 h.

**Innsbruck.**

Arbeiter-Esp.-Klub (Laborista klubo), Südtiroler Platz, Hotel Sonne, Do (j) 20—22 h.
Esperanto-Klub, Gasthof „Grüner Baum“, Museumstraße. Mi (me) 20—22 h.

**Wien.**

Katolika Unuiĝo Esperantista en Wien, I., Freyung 6 (Pfarrkanzlei), Mi (me) 17—19 h.
I. Wiener Esp.-Verein, I., Schellinggasse 7, Schellinghof, Fr. (v) 19·30 h.
Aŭstria Pacifista Esp.-Societo, III., Henslergasse 3, Hochparterre; Fr (v), 19—21 h.
Esp.-Verein der städt. Angestellten Wiens, IV., Schäffergasse 3, ĉiutage 17—19 h.
„Konkordo“, V., Margaretenplatz 4 (Terrassencafé), Do (j) 19—22 h.
Viena Akademia Unuiĝo Esp., VII., Neubaugasse 25, Café Elsahof, Mo (l) 19—22 h.
Esp.-societo „Danubio“, VII., Neubaugasse 25, Café Elsahof, Mo (l) 19—23 h.
Esp.-Bildungsverein „Supren“, VII., Kaiserstraße 121, Café, Fr (v) 18—21 h.
Esp.-societo „Fideleco“, Währinger Bürgercafé, XVIII., Staudg. 1, Di (m) 16—19 h.
Bohema Klubo Esperantista, XV., Turnerg. 9, I. et., Narodni dum, Mi (me) 20 h.

# ESPERANTO-LITERATURO

**Bennemann, Paul. Tra la Mondo.** Internacia Legolibro. I. Por komencantoj. 3a eld. 96 paĝoj. 1925. S 2·50
II. Por progresintoj. Kun aldono de 4 komponajoj. 144 paĝoj. 1922. S. 3·75
— **Internacia Kantaro.** 64 popolkantoj el 26 landoj. Kun 3 famaj koncertarioj. Tekstaro. S 1·—
— — Muzika eldono. Broŝ. S 3·40, Bind. S 5·10
**Delsudo, A. kaj Laiho. L. Aŭstralio. Lando kaj Popolo.** Plej interesa orig. verko kun 31 ilustr. kaj landkarto. Luksa tolbind. S 11·—
**Forge, Jean. Abismoj.** Romano originale verkita. 1923. 150 paĝoj. Broŝurita S 5·10. Bindita S 7·65
— **Saltego trans jarmiloj.** Romano originale verkita. 192 paĝoj. 1924. Bindita S 8·50
**Luyken, H. A. Stranga heredaĵo.** Romano originale verkita. 1922. 320 paĝoj. Broŝurita S 9·35
— **Pro Iŝtar.** Romano el la antikva Babela historio. 1924. 304 paĝoj. Bindita S 12·—
**Privat, Edmond. Historio de la lingvo Esperanto. Ia parto.** Deveno kaj komenco 1887—1900. 2a eldono 1923. 74 pĝ. Kart. S 2·70. Bind. S 4·25
— — **IIa parto.** La Movado 1900—1927. 200 paĝoj. Bind. S 10·—
— **Vivo de Zamenhof.** Kun portreto de d-ro L. L. Zamenhof. 1923. 109 paĝoj. Kartonita S 4·25
— — — — Bindita S 6·—
**Raimund, F. La Malŝparulo.** Orig. sorĉfabelo, tri aktoj, trad. de F. Zwach. 97 pĝ. Multkolora bind. S 3·40
**Wagnalls, Mabel.** Palaco de Danĝero. Rakonto pri Madame la Pompadour. Tradukis el la angla originalo de Edw. S. Paysen. Luksa tolbindaĵo S 10.—

## INTERNACIA MONDLITERATURO

Vol. 1. **Goethe.** Hermano kaj Doroteo. (*Küster-Dietterle.*)
Vol. 2. **Niemojewski.** Legendoj. (*Kuhl.*)
Vol. 3. **Turgenew.** Elektitaj Noveloj. (*Mexin.*)
Vol. 4. **Raabe.** La nigra galero. (*Wicke.*)
Vol. 5. **Hildebrand.** El la Camera obscura. (*Mees.*)
Vol. 6. **Irving.** El la Skizlibro. (*Elvin.*)
Vol. 7. **Chamisso.** La mirinda historio de Petro Schlemihl. (*Wüster.*)
Vol. 8. **Stamatov.** Nuntempaj rakontoj. (*Krestanoff.*)
Vol 9. **Salom-Alehem-Perec.** Hebreaj rakontoj. (*Mučnik.*)
Vol. 10. **Puŝkin.** Tri noveloj. (*Fiŝer.*)
Vol. 11—12. **Ariŝima.** Deklaracio. (*Toogou.*)
Vol. 13. **Poe.** Ses noveloj. (*Milward.*)
Vol. 14. **Balzac.** La firmao de la kato, kiu pilkludas. (*Benoit.*)
Vol. 15. **Doroŝeviĉ.** Orientaj fabeloj. (*Hohlov.*)
Vol. 16. **Sienkiewicz.** Noveloj. (*Zamenhof.*)
Vol. 17. **Strindberg, August.** Insulo de feliĉuloj. (*O. Frode.*)
Vol. 18. **Bertrana, Prudenci.** Barbaraj poeziaĵoj. Josafat. (*J. G. Casas.*)
Vol. 19. **Simunović, Dinko.** Ano de l'ringludo. (*F. Janjič.*)
Vol. 20. **Eckhoud, Georges.** Servokapabla. Marcus Tybout. (*L. Bergiers.*)

La kolekto estas daŭrigata.

Prezo po vol. S 2·70; po 5 vol. laŭ elekto S 10·20.

Prezo de duobla volumo S 4·25.

**Ferdinand Hirt & Sohn, Esperanto-Fako, Leipzig, Salomonstr. 15**

Deponejo kaj Ekspedejo por Aŭstrio kaj Hungarlando:

**Rudolf Foltanek, Wien, I., Ballgasse Nr. 6II.**

proksime ĉe Stephansplatz

---

# Verlag Paul Knepler (Wallishausser'sche Buchhandlung) Wien I.

**Lichtensteg 1.**

Soeben erschien die **neue Bearbeitung** von

## Vollständiger Lehrgang der intern. Hilfssprache

# Esperanto

**von Jul. Glück und Dr. Edmund Sós**

**21.—30. Tausend** **Preis S 1·70 (M 1·—)**

| | |
|---|---|
| Esperanto-Deutsche Sprach-Bibliothek von Dr. E. Pfeffer ausgewählte Esp.-Lektüre f. Anfänger u. Kurse | S —·60 |
| Bonsels, Ŝolandro | „ 1·50 |
| Koudenhove-Kalergi, Paneŭropa Manifesto | „ —·60 |
| Esperanto-Schlüssel | „ —·30 |
| Esperantokarten (Wiener Ansichten) | „ —·20 |

**Sämtliche auf dem Gebiete der Esperanto-Literatur erschienenen Bücher stets lagernd.**

Katalog auf Wunsch gratis.

Posedanto, administranto, eldonanto kaj respondeca redaktoro Hugo Steiner, Bisamberg 248.
Presejo: Gesellschafts-Buchdruckerei Brüder Hollinek, Wien III, Steingasse 25.